





GIJON JANUARO-FEBRUARO

ASTURA ESPERANTO ASOCIO nº 12




**VI RIMARKOS...**

ke ĉi tiu numero, kvankam ordinara, estas du-folie pli ampleksa. Tian kontentigan fakton Ni ŝuldas al malavaro de Niaj kunlaborantoj, kiujn Ni kore dankas;

ke, krom la kutimaj rubrikoj ("Nia Antono", "Hispana Esperanta Vitralo", "Distroj") aperas "Kas-Raporto", lasta parto de la trilogio "Inflacio-Krizo-Rimedoj" kaj interesa opinio pri Nia Kongreso en Gijón, kiun Ni ĉerpis el Bulteno de Usona Esperanto-Societo;

ke, mankas daŭrigo de Nia felietono "Hanna Seneŝ", kiu nepre aperos en Nia proksima numero. Tro da kunlaboraĵoj (ja feliĉe!) malhelpis ties aperigon. Ni pardonpetas;

ke Ni sukcesis sufiĉe akurate aperigi ĉi tiun numeron.

**NI PETAS...**

ke Vi ne ĉesigu vian verkemon kaj daŭre sendu al Ni viajn kontribuaĵojn.

**NI DANKAS!**

# NIA ANTENO

Promesplena prezentiĝas la Nova Jaro por nia enurba Esperanto-Movado.

Kiel fenikso renaskiĝas " ASTURA ESPERANTO-ASOCIO ", kiu estis leĝigita, far la koncerna departemento de la Provincestrejo de Oviedo, kun dato 11-a de februaro. Do, Nia Grupo estas jure memstara, kio krom leĝajn devojn ankaŭ havigas al Ni gravajn avantaĝojn. Ni plenumu la devojn kaj profitu la avantaĝojn.

Oni jam finis la riparlaborojn ĉe la "Katedro Jovellanos de Universitata Disvastigado", kie Ni disponas je komforta kaj deca lernoĉambro. Ankaŭ Ni disponos tie je aparta ĉambro kiel Oficejo.

Pro la menciitaj riparlaboroj, kiuj disvolviĝis dum la tuta aŭtuno kaj ĝis la komenco de la jaro, Ni konsideris neoportuna malfermon de elementa kurso. Tamen, Ni aranĝis progresigan kurson, kiu funkcias sufiĉe kontentige, sub gvido de s-ano Mulas, kun partopreno de dudeko da gesamideanoj.

En la komenco de la jaro Nin vizitis s-ano Takashi Kawai, ĉefinĝeniero de la Ŝipa Kompanio "Mitsui O.S.K. Lines LTD." Li deĵoris en la ŝipo " GAS RISING SUN ", kiu alberdiĝis en la Gijon-a haveno. Temas pri tre afabla kaj simpatia japano. Ni montris al li kelkajn vidindaĵojn de nia urbo pro kio li montriĝis sincere dankema. Siavice, li invitis Nin viziti la ŝipon, kie li deĵoris. Li detale montris al Ni diversajn partojn de la ŝipo kaj Nin regalis per japanaj biero kaj tipaj almanĝetoj.

Ni petas al la gemembroj de Nia Grupo, ke ili bonvolu partopreni en la progresiga kurso, kies lecionoj okazas lunde, merkrede kaj vendrede. Alproksimiĝas la 40-a Hispana Kongreso de Esperanto, rendevuo de la hispana esperantistaro, kiu okazos en Madrid de la 19-a ĝis la 24-a de Julio, tial konvenas praktiki Esperanton por sukcese alfronti la Kongreson alte tenante Nian lingvonivelon.

Ĝis la venonta numero!

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

# KAS - RAPORTO

**ENSPEZOJ**

| | | |
|---|---|---|
| Saldoj je 79.01.01: Banko: | 22.656,71 | |
| Kaso : | 1.747,00 | 24.403,71 |
| Enspezo de kotizoj ......: | 6.850,00 | |
| Donacoj ................: | 3.110,00 | 9.960,00 |
| Vendo de libroj .........: | 7.870,00 | |
| Vendo de diverŝaj Esperantaĵoj (insignoj, glusteloj, bildkartoj, kovertoj, ktp.) | 15.422,00 | 23.292,00 |
| Bankaj interezoj ........: | 48.05 | 48,05 |
| | S U M O ...... | 57.703,76 |

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

**ELSPEZOJ**

| | | |
|---|---|---|
| ABONOJ: Espero Katolika..: | 800,00 | |
| Heroldo de Esperanto ..............: | 1.000,00 | |
| Hungara Vivo ....: | 300,00 | |
| Revista Portuguesa de Esperanto ....: | 225,00 | |
| Budapeŝta Informilo | 200,00 | |
| La Kancerkliniko.: | 400,00 | 2.925,00 |
| LIBROJ KAJ ESPERANTAĴOJ: | | |
| Libro-Servo de UEA | 3.635,00 | |
| Esperanto-Centro de Paderborn ....: | 3.702,00 | |
| Fido kaj Espero .: | 3.250,00 | |
| Bildkartoj ......: | 15.000,00 | 25.587,00 |
| Fakturo de POLIFONICA GIJONESA (Kongresa ludado) ..: | 10.000,00 | 10.000,00 |
| Anonceto en ĵurnalo .....: | 1.294,00 | 1.294,00 |
| Fakturo de Presejo ......: | 3.657,00 | |
| Oficejaj materialoj .....: | 1.195,00 | |
| Poŝtaj elspezoj .........: | 269,00 | |
| Diversaj elspezoj .......: | 636,00 | 5.757,00 |
| Saldoj je 79.12.31: Banko: | 7.826,76 | |
| Kaso : | 4.314,00 | 12.140,76 |
| | S U M O ...... | 57.703,76 |

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =0 = 0 0= 0 = 0 = 0.= 0 = 0 = 0 = 0

hispana esperanta VITRALO

## NOVA JARO NOVA VIVO

Komenciĝis nova jaro.Ĝi estas bona okazo por, konsente kun malnova hispana proverbo, plibonigi iomete nian vivan konduton.

La homaro bezonas tutan renoviĝon se ĝi deziras atingi veran fratan komprenadon inter ĉiuj la homoj.Ne gravas ke iliaj politikaj, religiaj aŭ sociaj ideoj estu malsamaj.Tio, kio vere gravas, estas ke ili, laŭ la deziro de - l'D-ro Zamenhof, sciu respekti sin reciproke.

Kaj ni, la gesamideanoj, se ni deziras esti fidelaj al nia interna - ideo, devas plenumi gravan taskon kiel protagonistoj por renkonti la veran tutmondan pacon.Unue, apogante la disvastigon de la Internacia Lingvo Esperanto por ke la homoj interkompreniĝu pli bone; poste, disvastigante la belajn ideojn de amo, frateco, libereco kaj solidareco.Sed sen maskoj.Alimaniere, kion gajnos nia kara movado? Laŭ mia modesta opinio, nenion.Ĉu vi opinias same kara legant(in)o ?.

## ŜIA MOŜTO LA REĜINO HONORA PREZIDANTINO

Jes, laŭ mi legis en la bulteno de la Valladolida Esperanto Grupo " Fido kaj Espero ", Ŝia Moŝto la Reĝino Donja Sofía estos la honora Prezidantino de la " XL^a Hispana Kongreso de Esperanto " kiu okazos en Madrido en la venonta julia monato.Ŝia ĉeesto kiel Prezidantino de la Honora Komitato estos, sendube, alta honoro por la hispana esperantistaro.Unue, ĉar ŝi prestiĝos nian kongreson kaj stimulos la gekongresanojn por daŭrigi la belan - taskon de la disvastigo de la Zamenhofa Lingvo, poste, ĉar pere de ŝi tre bone povas eniri Esperanto en la Palacon de la Zarzuelo por egaliĝi kun la angla, la franca kaj la greka lingvoj. Se tiel okazus ne estus la unua fojo kiam la Hispana Esperanto Movado ricevus apogon el la Reĝa Palaco.Ni ne devas forgesi ke Ŝia Moŝto la Reĝo Alfonso la XIII^a kaj lia Registaro protektis la Esperanto Movadon okaze la V^a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Barcelono la 1.909^a jaron, nun antaŭ 70 jarojn, kaj poste per Reĝa dekreto rajtigis la instruadon de la Internacia Lingvo en la mezaj kaj superaj centroj kaj rekonante ĝia sciado kiel Oficiala Merito.

## REMEMORANTE PASINTAN TEMPON

La unua esperanto grupo de Asturio leĝe fondita post la Enlanda Milito, estis " La Verda Kolombejo " kun sidejo en El Entrego. Ĝin oni fondis dum la komenco kvindekaj jaroj, kies membroj atingis, inter geesperantistoj kaj gesimpatiantoj, la nombron de 200.

Dum la 1.955ª jaro, nun antaŭ 25 jarojn, " La Verda Kolombejo " eldonis belan muran kalendaron, eble la unua en Hispanio. Ĝi tute sukcesis, do oni ricevis mendojn de ĝi el diversaj lokoj de la tuta mondo. Antaŭ la sukceso de ĝi oni faris alian eldonon la sekvanta jaro kun la sama bona sukceso.

La " Astura Esperanto Asocio " kies sidejo estas en la " Katedro Jovellanos de Universitata Disvastigo ", en Gijón, kaj inter kies estraranoj estas la Vicprezidanto, S-ro Adonis González Meana, kiu estis la Sekretario de la " Verda Kolombejo " kaj kun sia frato Alcibiades, donis al la mal aperita grupo de la Nalona Rivervalo prosperan vivon, ĉu ne povus fari similan eldonaĵon? Eble por la nuna jaro estas iomete malfrue, sed por la venonta jaro mi kredas ke oni povus ripeti la imitindan ekzemplon de la entuziasma grupeto de El Entrego. Kion diras pri tio S-ro Adonis kaj siaj kunestraranoj?

## NEKROLOGO

En Pamplono ĵus mortis F-ino Amalia Núñez Dubús, unu el la gepioniroj de la hispana esperanto movado.

Verkistino, recenzistino kaj tradukistino verkis multajn poeziojn kaj disvastigis multajn aliajn de hispanaj poetoj per belaj esperantaj tradukoj. Kaj en lasta tempo ŝi kompilis la esperantigitajn hispanajn verkojn kiuj sumas proksimume 250. Tiu kompilaĵo, kompreneble atendas esti publikigata. Ĉu H.E.F. ne povus publikigi, almenaŭ antologion de la kompilitaj verkoj kiel postmorta omaĝo al tiu lerta kaj entuziasma esperantistino?

Ni, la geesperantistoj de nia lando, ne povas forgesi ke ŝi dediĉis sin tute al disvastigo de la Internacia Lingvo Esperanto tiel utila por la komprenado inter la homoj kaj, konsekvence, por atingi la mondan pacon.

Foliumante la kolekton de " Boletin ", mi renkontis la jenajn poeziojn verkitaj de ŝi: "Arbeto", "Kalendaro", "Tri aŭtunoj", "Adiaŭ al arbeto", "Mia Paradizo" kaj "Ambicioj". En libreto ŝi havas la belan legendon "Eterneco".

Ke ŝi ripozu pace kaj ke ŝiaj geparencoj ricevu sinceran kondolencon.

INSTRUISTO

Gijón, 14 - 2 - 80




# INFLACIO – KRIZO – RIMEDOJ

Jen la lasta skribaĵo de ĉi tiu trilogio. Sendube ĝi estas la plej grava,- ja temas pri rimedoj kaj solvoj.

Kion mi povas alporti, eksponi aŭ analizi, kompare al tiuj monstroj de la ekonomiko, kiuj dediĉas siajn vivojn al ties studado? Eĉ iuj el ĉi tiuj inteligentaj studemuloj ricevis la Nobel-premion. Tamen la realo diras al ni, ke malgraŭ siaj superaj konoj, en ĉi tiu - faceto de la vivo, ili fiaskas.

La nuna krizo evidentigas ilian nekapablecon, sed, kial ili fiaskas?

La respondo estas simpla kaj facila. Ĉar iliaj studoj baziĝas sur falsaj vidpunktoj. Ci tiuj ekonomikistoj ĉiam celas solvi la krizojn surbaze je la privilegioj de iuj homoj kaj la mizero de aliaj. Estas nediskutebla, ke tio ne signifas - justan socion kaj kiam ne estas justa socio, ĉiam estas problemoj. Kiam unu homo manĝas kaj la alia ne manĝas la tezo pri la ekonomio de merkato ne taŭgas. Pri tio la subskribinto scias multe proprasperte.

La nura rimedo por solvi ĉi tiun krizon estas la transiro al plej justa socio en kiu ĉiu homo havu samajn rajtojn kaj devigojn. Socio en kiu ne ekzistu privilegiuloj kaj submetitoj. Socio en kiu ne ekzistu diskriminacio. Socio en kiu ĉiu alportu laŭ sia kapablo kaj ricevu laŭ siaj bezonoj. Socio en kiu la libero estu sama por ĉiu. Socio en kiu vere ekzistu egaleco en la aplikado de la homaj rajtoj.

Sed pri ĉi tio niaj ekonomikistoj - defendantaj la ekonomion de merkato - komprenas nenion. Ilia laboro kaj filozofio fundamentiĝas jene: kiel kontentigi la laboristaron, por ke la mastraro eltiru kiom eble plej grandajn profitojn. Tiu tezo en la reala vivo ĉiam malsukcesos.

La nura rimedo por solvi la problemon, ĉiam en la kadro de la ekonomio - de merkato, en nia lando, estas la kreado de propra intelektularo, tekniko,- kaj industrio. Tio signifas, ke la solvo de la situacio troviĝas en la lernejoj. Tiu vojo estas longa kaj verŝajne - nia lando marŝas inverse.

Hodiaŭ nia lando dependas absolute - de la eksterlandaj multnaciaj entreprenoj. Ni ne havas industrion nek teknikon.

En ĉiu emancipiĝanta lando el Afriko aŭ Azio, ĝia unua celo estas forigi la koloniistojn kaj krei sian propran industrion. En nia lando okazas male, ni malfermas la pordojn al ĉiu eksterlanda entrepreno. Konsekvence, ni suferas la plej grandan ekonomikan koloniismon. La ŝvito de la hispana laboristaro flugas eksterlanden.

Niaj batalemaj industriistoj ne hezitas akcepti la eksterlandan teknikon lombardante la ekonomion de la lando. La registaro anstataŭ krei publikajn kaj ŝtatajn industriojn, benas kaj faciligas - la starigon de tiuj eksterlandaj monopoloj. Niaj kapablaj kaj kompetentaj inte-

lektuloj devas iri eksterlanden, ĉar - ĉi tie ili ne trovas la necesajn rimedojn por taŭga studado kaj disvolviĝo de siaj projektoj.Se la kapitalismo en si mem jam kunportas tiun kronikan malsanon de la ekonomikaj kaj laboraj krizoj, kion oni povas diri pri nia kara patrujo?

Anekdote mi rakontas al vi, ke en - la monato januaro, kaj okaze de aŭtomobila konkurskurado, iu sporta komentariisto de nia televizio diris: Feliĉe - la hispana aŭtomobila meĥaniko venkis, ni atingis la okan postenon per aŭtomobilo......"Ford".Kia honto,patrino mia!

Estas evidente, ke en ĉi tiuj kondiĉoj la rimedoj ne estas facile aplikeblaj.La senhoma avareco de la ekonomio de merkato ne konas limojn.Oni sklaviĝas amikojn, malamikojn, familianojn, kaj malproksimulojn.Kiel atesto de tiuj vortoj konstatu, kio okazas pri la fama "eniro" de Hispanujo en la Europa-n Komuna-n Merkato-n.Nia lando aperas - kiel ŝafido antaŭ luparo.

Ĉi supre, tre skize, vi legis du - rimedojn por solvi la nunan krizon.La unua, kiu estas valida por ĉiu socio - kun kapitalisma ekonomio, estas la forigo de ĉi tiu malnova kaj kaduka sistemo nomata ekonomio de merkato.

La dua, kiu temas precipe pri nia - lando, evidentiĝas, ĉiam en la kadro - de la nuntempa sociordo, la neceson de propraj industrio kaj tekniko.Sed, kion fari por solvi la hodiaŭan krizon laboran? Ĉar fakte la senlabora homo ne povas atendi ĝis kiam nia lando posedos propran industrion, teknikon kaj kompetentan intelektularon aŭ ĝis kiam,fine, la socio eniros al plej racia kaj homa ekonomia sistemo.La senlaborulo kaj - lia familio ja devas manĝi ĉiutage,tio jam estas leĝo natura, kiun neniu povas kontraŭstari.Do, oni devas trovi - kaj urĝajn kaj taŭgajn rimedojn, sed, - kiamaniere?

Mi ripetas denove, ke miaj vidpunktoj estas tiuj de simpla laboristo, sed mi konscias, ke multaj aliaj homoj pensas kiel mi.

Sen forlasi ĉi tiun sistemon en kiu ni estas mergitaj, estas absolute necesa la restrukturigo de la rilatoj inter la kapitalo, laboro kaj distribuo de la laborrento.Ĉi tiu renovigo, nepra de nia sociordo baziĝas, sur rajtoj de ĉiu civitano, pri kio tiom oni babilas ĉi tie.

Jen rimedo racia kaj simpla.Ni supozu, ke en nia lando estas 1.000 laborhoroj kaj samtempe estas 1.000 laboristoj, la konkludo estas jena: ĉiu laboristo devas labori po unu horo, sed neniel devas ekzisti senlaboruloj.La privilegiuloj, kiuj ĉiam diras multe ami la homon, devas rezigni parton de siaj profitoj, por ke la homo estu pli feliĉa.Tiamaniere oni respektus la faman - socion kun ekonomio de merkato, kaj - ĉiu homo, se ne dece, almenaŭ povus - survivi.Se la apliko de la tekniko signifas evoluon de la laborsistemoj, ĉi tiu plibonigo devos reflektiĝi ankaŭ - en la laborhoraro.Nuntempe okazas male, modernigo de la laboriloj signifas maldungadon de la laboristoj kaj plifortigon de la mastraro.Oni rigardas la laboriston kiel ilon aŭ maŝinon per kiu oni povas atingi tiun aŭ alian profiton.Tiu vidpunkto ne estas homa kaj kiam io ne estas homa, ties vojo nur kondukas al la malfeliĉo, al la malsukceso.

Estas komprenable, ke por la reorga

nizado de nia putra socio ekzistas multaj leĝaj kaj teknikaj komplikoj. Verŝajne la grandaj imnostoj sociaj hezitigas la mastraron dungi pliajn laboristojn . Tio signifas, ke la nombro de senlaborulo j kreskas ĉiutage kaj tio signifas ankaŭ, ke la administracio devas dediĉi - pli da mono por pagi, eĉ se dum limigita tempo, al la senlaborularo. Estas nepre necese trovi la ekvilibron, por ke ne ekzistu senlaboruloj, por ke la impostoj estu normalaj por la kreo de socio , se ne perfekta, ĉar socio surbaze de ekonomio de merkato neniam estos perfekta , almenaŭ ke ĝi estu tolerebla. Tio tamen - ne signifas, ke ni devas forlasi la lukton por starigo de socio justa, sen privilegiuloj, en kiu ĉiu homo havu la samajn rajtojn kaj devojn.

Do, vi povas konstati, ke rimedoj ekzistas por solvi ĉi tiujn problemojn de la krizoj ekonomikaj kaj laboraj, - sed oni bezonas pli homan konscion.

En mia opinio la vojo estas longa - kaj malfacila. Se la mastroj de la ekonomio de merkato en ĉi tiuj kapitalismaj landoj ne adoptas rimedojn taŭgajn, povos okazi, ke ili mem pioĉos sian propran tombejon. La popolo ne ĉiam toleros tiajn diskriminaciojn.

La malsato estas tre malbona kamarado, neniu forgesu tion.

LUIS SERRANO PEREZ

= SABADELL =



Sinjoro Luis Serrano Pérez disponas de la jenajn librojn:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1- Slovaka Antologio | 540 p. | 650,00 ptoj | ( prezo de UEA ) |
| 1- Pri la varmo | 215 p. | 250,00 " | " |
| 1- Sileziaj kantoj | 123 p. | 110,00 " | " |
| 1- La perdita vizaĝo | 111 p. | 170,00 " | " |
| 1- Komenio kaj la Inter.Lingvo | 16 p. | 60,00 " | " |
| 1- Kanto super lulilo | 30 p. | 65,00 " | " |
| | | 1.305,00 " | " |

Vi povas akiri ĉi tiujn librojn, nur por 1.100,00 ptoj plus 50,00 ptoj por sendokostoj.

Skribu al Sinjoro:

LUIS SERRANO PEREZ
FONT NOVA, 32
SABADELL ( BARCELONA )




ESPERANTO SOCIETY OF WASHINGTON, D.C.

Bulteno de Aŭgusto de 1979

Mirinda travivaĵo, jen kiel via Sekretario priskribas ĝin.

Mia 1.979 - a vojaĝo al Esperantujo komenciĝis en Hispanio.

Mi ĉiam klopodas kombini viziton - al la Universala Kongreso kun la nacia kongreso en Hispanio, kaj mi konsilas al la legantoj kaj al nia ĉarma kaj energia vojaĝento Janet Brugos Young iri al Hispanio, ĉu sole, ĉu per organizita grup-vojaĝo, kiel parto de la ĉiujara karavano.

La hispana kongreso altiras proksimume 400 ĉeestantojn ( mia kongresnumero estis 326 ), kaj gesamideanoj el aliaj landoj ( 12 venis el Portugalio, 3 - el Pollando, kelkaj el Bulgario, Francio, Italio, ktp ) devigas la uzon de - Esperanto.

Kiel kutime, tuta serio de interesaj programeroj igis la kongreson neforgesebla travivaĵo.

Ĉi tiun jaron ni vizitis la adoratan sanktejon de Covadonga, la kaverno de " Tito Bustillo " , la fabrikon de cidro ( kie oni regalis nin per tiom da cidro kiom ni povis rapide trinkadi).

Nia karavano konsistis el tri grandegaj modernaj aŭtobusoj tutplenaj de - ĝojantaj gesamideanoj.Mikrofono iris de mano al mano kaj la kunvojaĝantoj aŭ - kantis aŭ rakontis ĉiuspecajn spritaĵojn.

Neforgeseblaj estis aliaj programeroj: la teatra prezentado de la polaj geaktoroj Zbigniew Dobrzynski kaj Kalina - Pieńkiewicz, vizito al Gotika Katedralo de Oviedo, la inaŭguro de la " Calle del Esperanto " ( Esperanto Strato ), intervjuo de eksterlandanaj ĉeestantoj en radiostacio, ktp.

La lastan tagon de la nacia kongreso la urbaj aŭtoritatoj invitis nin al abundega festeno nomata " espiĉa " .Kiel parto de la tiea programo oni prezentis folklorajn dancojn kaj kantoj kun tipa asturia orkestro.

Pro tio ke la hispana nacia kongreso okazas ĉiun jaron en malsama loko de Hispanio, oni povus inkludi ĝin kiel konstanta programero de la ĉiujara ekskurso de ELNA al la universalaj kongresoj en Eŭropo. Ĉiu profitus : usonaj komencantoj havos la ŝancon praktike uzi la lingvon kaj perfektiĝi antaŭ la alveno en la Universalan Kongreson, kaj la - hispanaj gesamideanoj, kiuj malofte krokodilas dum la kongreso, tute neniam krokodilos en la ĉeesto de amaso de eksterlandanoj.

SERGIO DOCAL

# DISTROJ

## Ŝupo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| C | I | N | A | B | R | I | O |
| A | N | A | N | A | S | O | R |
| M | O | J | I | N | E | R | P |
| O | L | E | V | A | C | O | A |
| M | N | Ŭ | T | N | I | R | I |
| I | E | U | I | O | G | I | F |
| L | T | M | R | D | O | P | A |
| A | O | Ŝ | A | P | R | I | R |

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de **fruktojn.** Serĉu ilin!
Pro tio vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale - en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

MOVOJ DE KAVALIRO:

Eĉ kvar piedoj de ĉevalo ĝin ne savas de falo.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | B | E | Ĝ | P | U | J | O |
| N | I | N | E | L | O | I | N |
| C | T | R | I | T | E | M | A |
| S | L | I | N | E | N | O | H |
| O | T | N | A | M | A | J | D |
| A | L | G | Ĉ | R | K | U | F |
| R | A | O | O | Ĉ | O | R | B |
| T | O | T | I | D | A | N | E |

ABELEJO:

1).- Milito
2).- Forumo
3).- Fotelo
4).- Safiro
5).- Fokuso
6).- Koloso

Kion da trianguloj estas videblaj sur la desegnaĵo? R:44

## KAŜITAJ PROVERBOJ

LTN RBN BTS L FLM
Ĉ HVS SN KŜT MZRN
LRN JN PR ST SĜ MLJN

**La supraj tri linioj entenas tri proverbojn, sed nur iliajn consonantojn, ĉar ĉiuj vokaloj estas ellasitaj. La konkursa tasko estas: remeti ĉie la ĝustajn vokalojn kaj tiel trovi la kompletajn tekstojn de la tri proverboj.**

## Movoj de kavaliro

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| POR | MI | ĜI | LA | ★ |
| RE | TRA | LA | LU | RON |
| TRO | DO, | ZE | NOS | FE |
| ★ | VE | NES | TRA | PE,[1] |

Komencante per la silabo **PE** (nigreta), kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.

## abelejo

Helpe de la subaj difinoj, trovu ses vortojn el ses literoj, tiamaniere ke ĉiu vorto komenciĝu pro la cirklo en kiu estas la sago - kaj sekvonta movado de montriloj de horloĝo.




1) Okcidenta parto de Ĉeĥoslovakujo, estinte reĝlando ĝis la 17ª jarcento.
2) Longa, ordinare vitra vazo, kun mallarĝa kolo.
3) Granda militnobelo.
4) Arbo kun malmola lignaĵo, ĉarpente uzata, kaj kun trunkoŝelo, kiu konsistas el pluraj facile disigeblaj, membraneccaj tavoloj
5) Plata aŭ globforma peceto el korno, korozo, metalo, plasto, okaze, surtegita de ŝtofo, uzata por kunteni partojn de vesto, enigante ĝin en respondan fendon aŭ iafoje nur por ornami.
6) Aerostato.